Alexandre Louis Couturat (1868-1914) estis filozofo, dek jarojn pli juna ol Peano, sed kun famo malpli granda. Li instruis en la universitatoj de Tuluzo kaj Caen, malpli prestiĝaj internacie ol tiu de Torino, sed li jam aŭtoris plurajn gravajn verkojn pri logiko. Tute specife, per diversaj artikoloj de la jaroj 1899-1900 li enkondukas en sian landon la logikon kiel komprenatan en Eŭropo; plurfoje li faras amarajn konsiderojn pri la franca kulturo koncerne logikon kaj matematikon, kvankam certe elstaraj matematikistoj francaj ne mankis tiutempe: sed la averaĝa panoramo ŝajnis al Couturat ege postrestinta. Couturat estas ege respektema al la kolego, liaj leteroj montras afablajn esprimojn ne nur formalajn. La leteroj estas en la franca, lingvo tiam kutime konata de la kleraj italoj. De Couturat ne multo estas studita, kvankam ekzistas lia plena leteraro kun Bertrand Russell kaj kelkaj leteroj al Pieri kaj al Vacca. Couturat doktoriĝas per latinlingva tezo pri Leibniz, kaj al la Leibniza logiko li dediĉas poste gravan verkon. Ĉi verko ne ricevas absolute senkondiĉan aprobon: nur Russell ĝin laŭdas senrezerve, Peano havas iujn kritikojn, iuj francaj fakuloj esprimas multe pli konsistajn dubojn.

La publikigita leteraro havas ankaŭ dek kvin kromajn erojn: temas pri leteroj de (aŭ al) aliaj matematikistoj pri la samaj temoj, plus la ama nekrologo verkita de Peano por Couturat, tragike mortinta en stratakcidento, kiam lia aŭtomobilo estis trafita de kamiono portanta al francaj militaj korpusoj la sciigon, ke Germanio estis deklarinta militon al Francio: estis la dua tago de la unua mondmilito. Tiu nekorologo aperis ankaŭ en *Revista universale* redaktita de Peano. Estas ankaŭ reproduktitaj la dankesprimoj de la vidvino, s-ino Marie Joséphine Racine Couturat.

La leteroj startas en 1896 kaj ĝis 1899 rilatas al logiko. Peano estis eldoninta sian *Formulaire de Mathématiques*, kiu montris la validecon de la matematikaj formuloj kiel internacia signaro. Tiu verko enkadriĝis en lia ideo, ke la tuta matematiko, kaj aparte la logiko, estas skribebla en formaligita maniero tiel ke ĝi povu esti komprenata de ĉiuj, sendepende de ilia lingvo. Tiu *Formulaire* estis komence publikigita en franclingva revuo eldonita kaj mastrumita en Torino ĉe fratoj Bocca, *Revue de mathématiques*, ekde 1893, kaj ĝi estis tre laŭde konsiderata; Vailati kaj Pieri, italaj matematikistoj, vidis en la matematika logiko la realigon de la revo de Leibniz, laŭ kiu *la logique mathématique est destinée à provoquer dans ce genre d'études des progrès analogues à ceux qu'a produits dans les recherches physiologiques l'introduction du microscope* (Vailati, 1899). Couturat siaflanke estis kunlaborinta en la reviziado de la provaĵoj de la *Formulaire* kun la entuziasmo de scienculo, kaj en letero al Peano (1 okt. 1899) li esprimas sian finan saluton tiamaniere: *C'est dans ces sentiments de confraternité scientifique et philosophique que je vous prie d'agréer l'assurance de mon respecteux dévoument.*

Sed en 1900 la leteroj havas kiel temon preskaŭ nur la internacian lingvon. En majo 1900 disvolviĝas en Parizo la Universala Ekspozicio; samjare Couturat, kune kun sia matematika kolego Léopold Leau, kiun li konis ekde la kuna sperto kiel studentoj ĉe École Normale Supérieure, organizas la Unuan Kongreson de Filozofio, kiu okazas en Parizo en la unua semajno de aŭgusto. En tiu kongreso la problemo de lingvo internacia por la scienco estas metita sur la tablon. La postan semajnon, dum la senpere sekvinta dua kongreso de matematikistoj, Leau same prezentas la problemon. Estis vere la tempo de la propono de la grandaj problemoj: en tiu sama matematika kongreso la germana matematikisto David Hilbert (1862-1943) prezentas la 23 fundamentajn problemojn kiuj

oni solvu dum la dudeka jarcento[1]. Komenciĝas do vasta kaj profunda esploro pri la fundamentoj de matematiko, kaj en tiu esploro ankaŭ internacia lingvo bazita sur fundamentaj logikaj konceptoj trovas siajn favorantojn.

Couturat kaj Leau fondas fine de 1900 la *Délégation pour l'Adoption d'une Langue Auxiliaire Internationale* (DALAI), kiu havu la celon instigi la ĉefajn kulturajn instituciojn interesiĝi pri la problemo de la lingvo internacia. Post favoraj aŭ duonfavoraj rezolucioj de sciencaj kongresoj, kiuj nomumas ankaŭ delegitojn kiuj tiujn sciencajn komunumojn reprezentu en la tiucelaj iniciatoj, estas akceptita rezolucio, ke la Societo de la Akademioj, fondita en 1900, kuniganta dudekon da gravaj akademioj, estu ŝarĝita per la tasko elekti, kiu estas la plej bona internacia lingvo por la diskomunikado de la scienco. Couturat klopodas per internacia peticio (Roero, 1999) akiri la favoron de diversaj sciencaj asocioj, inter ili la *Association Géodésique Internationale*, kiu havas plurajn italajn membrojn; tial en 1904 li skribas al Peano petante ke li favore menciu al ili la laboron de la DALAI kaj akiru ilian apogon. La demando estas prokrastata de unu kunsido al la alia, kaj fine ĝi staros en la tagordo de la tria ĝenerala asembleo de la Societo de la Akademioj, kunvenonta en Vieno en majo 1907; la Viena Akademio iniciatos rezolucion tiuteman, kaj la Kopenhaga Akademio ĝin apogos. Por tiu rezolucio la DALAI kolektos subskribojn de institucioj kaj de unuopuloj, kaj la fina kalkulo montros 307 asociojn kaj 1251 sciencistojn, inter kiuj plurajn italojn. En decembro 1906 Couturat kaj Leau sendas cirkuleron por difini la iniciatojn de la Societo prepare al la ĝenerala kunveno, kaj la cirkulero mencias specifan decidon de la DALAI kiu ekskluzivas de la DALAI mem la inventintojn de artefaritaj lingvoj.

Couturat ne iluziiĝas, ke la akademioj solvos la demandon, kaj, antaŭvide al tiu ebleco, la fondodokumento de la DALAI estis fiksinta, ke, se la Akademioj ne faros la elekton, tio estos komisiita al iu Komitato nomumota de la DALAI mem. Tial Couturat, jam antaŭ la kunveno de la Societo de la Akademioj, komencas agi por la kunmeto de tia Komitato. Efektive, dum sia kongreso en majo 1907 la Societo de la Akademioj forturnas de si la taskon. Por doni aŭtoritatecon al la Komitato kaj sekve almenaŭ minimuman ŝancon, ke ĝiaj decidoj estos poste plenumataj, Couturat klopodas akiri la aliĝojn de famaj personoj. La Komitato estu kunmetita ankaŭ surbaze de diverseco de landoj kaj lingvoj kaj ĝin partoprenu ankaŭ reprezentantoj de la diversaj artefaritaj lingvoj aŭ lingvoprojektoj, tamen ne mem inventintoj. Da tiaj projektoj, kiujn la Komitato nomumita de la DALAI devis ekzameni, estis ĉirkaŭ dudeko; inter ili la plej ŝancohava estis Esperanto, kiun Couturat varme porpledis, kvankam kelkaj lingvistoj, inkluzive de Peano, havis plurajn rezervojn kontraŭ ĝi. Fakte Peano, en longa letero al Charles Méray (25 jul. 1900), estis jam espriminta fortajn kritikojn al Esperanto, kvankam li agnoskis, ke ĝi *est le plus scientifique que toutes les autres langues artificielles*. Inter la ekzamenotaj projektoj estis ankaŭ la *Latino sine flexione* iniciatita de Peano en 1903, poste nomota *Interlingua*; tial principe Peano estis ekskluzivita de la partopreno kaj en la DALAI kaj, eĉ pli, en la Komitato (Barandovská-Frank, 2002).

Serĉe al itala membro de la Komitato, Couturat denove petas helpon de Peano, indikante al li liston de eblaj italaj interesiĝantoj. Li sugestas ke temu prefere pri ano de

[1] Kelkajn oni solvis, kelkajn oni agnoskis nesolveblaj, kelkaj aliaj estas ankoraŭ studataj.

la itala nacia akademio, en kiu Peano ja membras, kaj li mencias la nomon de Giuseppe Veronese, profesoro en la universitato de Padova, ne sciante aŭ eble ne memorante, ke inter Veronese kaj Peano estis, dek kvin jarojn antaŭe, neplaĉa polemiko pri iuj geometriaj teorioj de Veronese, kiujn Peano draŝis. Tamen la nomo de Veronese ne estis tute hazarde menciita, ĉar Veronese sidis sur la katedro lasita de Giusto Bellavitis, kiu siavice estis granda favoranto de internacia lingvo kaj estis mem produktinta en 1962 kanvason da principoj, kiuj devus regi internacian artefaritan lingvon (Bellavitis, 1862). Tre verŝajne Peano ne donis la esperitan helpon, kaj ĉiukaze la klopodoj de Couturat partoprenigi italon en la Komitato fiaskis. Tial, por havi italan membron, estis alvokita en la Komitaton ĝuste Peano, kvankam mem aŭtoro de projekto de lingvo internacia kaj do principe ekskluzivinda. Ankaŭ la aliaj membroj (entute 14) estas famuloj, de Boirac al Ostwald, de Baudoin de Courtenay al Jespersen.

Malgraŭ, aŭ eble pro, la partopreno de Peano en tiu Komitato, la rilatoj inter li kaj Couturat komencas fendiĝi. La Komitato kunsidas dek ok fojojn, inter la 25a de junio kaj la 24a de oktobro 1907, kaj fine adoptas Esperanton, sed kun kelkaj ne malesencaj modifoj, kiuj fakte faras ĝin alia, kaj tiu *Esperanto modifita* nomiĝos *Ido*. Peano pro ekzamenoj devas reveni pli frue al Torino kaj ne partoprenas la finan voĉdonon (Barandovská-Frank, 2006). La pleja engaĝito en la tuta afero dum pluraj jaroj ekde la komenco, Couturat, flegas la esperon, ke la esperantistoj, kiuj estas sendube la plej granda aro da adeptoj de internacia lingvo, akceptos la modifojn, sed la intertraktadoj tiucelaj fiaskas, kaj Couturat, kiu antaŭe estis entuziasma esperantisto, fariĝas entuziasma idisto, fondas Ido-lingvan revuon *Progreso*, kaj klopodas kuntreni sur la saman vojon Peano-n. La modifoj, kiuj kondukas al Ido, ne kontentigas Peano-n, kiu plu uzas kaj propagandas sian *Latino sine flexione*. Couturat riproĉas lin pro tio, ĉar la decido de la Komitato devus teni ĉiujn al ĝia respekto, minimume tiujn kiuj partoprenis en ĝiaj laboroj. Peano do estas akuzita pri misagnosko de la laboroj de la Komitato mem, malgraŭ ke li membris en ĝi. Siaflanke la esperantistoj firme kontraŭis la decidojn de la Komitato: la favorantoj de Esperanto estis jam sufiĉe multaj kaj jam fariĝis konservativuloj, tiel ke la modifoj proponitaj ne estis akceptitaj. Cetere oni devas agnoski, ke Esperanto havis jam pli ol dekkvinjaran vivodaŭron, kaj ĝi estis firme establita. Tiom firme, ke la Universala Kongreso de 1905 en Boulogne-sur-Mer estis adoptinta la triverkan kompleton *Fundamento* kiel netuŝeblan lingvan bazon; la esperantistoj do konsideris Couturat apostato. Aliflanke la sinteno kaj la agado de Peano donis al Couturat plian kaŭzon de malĝojo, ĉar, kvankam de kontraŭa flanko, li kuniĝis kun la esperantistoj en la sabotado de la decidoj de la Komitato kaj do de la longa kaj pena laboro de la DALAI entute. En letero al Peano (1 januaro 1910) li plendas (Luciano e Roero, 2005):

*Je constate de plus en plus que votre action, purement négative et dissolvante, fait la joie des Espérantistes fanatiques, qui l'exploitent contre nous, contre l'œvre du Comité dont vous avait fait parte.*

Pri tio Couturat plendas ankaŭ en posta letero al Bertrand Russell (30 dec. 1912) (Schmid, 2001):

*Nous sommes toujours dans les plus mauvais termes avec M. Peano, qui nous combat par derrière, avec l'appui des Espérantistes. Lui qui a pris part aux travaux de la* Délégation *et a plaidé pour son* Latino, *il refuse de reconnaître son œuvre, et il propage un jargon semi-italien [...]. Son opposition stupide, qui flatte l'amour-propre italien, ne sert qu'à retarder les progrès de l'Ido en Italie.*

Efektive, la celo de la projekto de Peano estas malsama de tiu de Couturat, kvankam ili startis de la sama punkto: havi komunan lingvon por la scienco, kaj tiun celon havis ja multaj sciencistoj, kiuj neglektis la bezonojn de komunikado de la ordinara popolo. Sed Peano restas ĉe la ideo, ke ĝin utiligu sciencistoj, dum Couturat estas trenita al lingvo, kiun povu uzi ĉiuj, tia kia efektive estis planita Esperanto. Tial la lingvo de Peano aspektas forte itale, ĉar ĝi estas, ja, latino "sine flexione". Ido estas iom pli naturalisma ol Esperanto, tiel ke ĝi estas pli ol Esperanto rekonebla ĉe la unua vido, tamen ankoraŭfoje, nur de kleraj personoj kiuj konas la latinan aŭ ĉiukaze latinidan lingvon. La leteraro entenas du leterojn de Couturat en Ido kaj unu en Latino sine flexione de Peano; ambaŭ estas tute kompreneblaj al persono kiu konas respektive Esperanton kaj/aŭ la latinan.

Couturat pledas, por ke aperu iu lia respondo en revuo direktata de Peano *Discussiones*, fakte ne specifa revuo, sed serio de fascikloj eldonataj de la *Academia pro Interlingua* (Roero, 2003), sed Peano ne tuj aperigas ĝin. Couturat insistas, dirante, ke li ja publikigis en sia revuo *Progreso* kontribuon de Peano. La polemiko daŭras dum kelke da leteroj, kaj baldaŭ la rilatoj interrompiĝas. Intertempe fondiĝis la *Uniono di l'Amiki di la linguo internaciona* kun Ostwald kiel prezidanto; do Couturat sentas sin liberigita de ia pezo devi surporti preskaŭ sola, kiel iniciatinto de la DALAI, la atakojn de la esperantistoj, de Peano kaj de ĉiuj kontraŭuloj de la decidoj de la Komitato. Ekestas ankaŭ misgusta atako de Couturat kontraŭ la *Academia pro Interlingua*, nova akademio direktata di Peano, kiu iel heredis la volapukan akademion. Sed Couturat kontestas tion, laŭ li tia Akademio neniel estas akademio kiel scienca institucio, ĉar ja oni eniras ĝin simple pagante kotizon.

La lastaj leteroj de Couturat al Peano, en februaro 1910, estas tute sekaj: la iama komenco *Cher Monsieur* iĝas simple *Monsieur*; la finaj salutoj transiras de *Recevez, cher Monsieur, l'expression de mes sentiments distingués et bien dévoués* al *Veuillez agreér, Monsieur, mes salutations*. Couturat pluas per sia propagando por Ido, Peano disvastigas, pere de siaj revuoj, la uzadon de *Latino sine flexione*, poste nomita *Interlingua*. Intertempe la polemikoj mildiĝas, kaj ĉiu favoranto de unu aŭ alia lingvo internacia uzas kaj propagandas la sian. La nova revuo en Interlingua, *Schola et Vita*, fondita kaj redaktata en Milano de Nicola Mastropaolo, al kiu kontribuas Peano kaj pluraj liaj disĉiploj, akceptas artikolojn en ajna internacia lingvo, sed fakte ĉefe en *Latino sine flexione*. La revuo ne estas matematika, sed pri lernejaj problemoj. Aliaj revuoj en diversaj internaciaj lingvoj plu aperos precipe en la periodo inter la du militoj (Barandovská-Frank, 2006).

*Literaturo*

**Barandovská-Frank, Vera:** *De Latino sine flexione centenario. Ein Jahrhundert Latino sine Flexione.* (2003), Inst. f. Kybernetik , *Grundlagenstudien aus Kybernetik und Geisteswiss.* , 44, Beiheft; 100 p.
**Barandovská-Frank, Vera:** Revuo Kosmoglott en interlingvistika fono, *Grundlagenstudien aus Kybernetik und Geisteswissenschaft*, 47 (2006), 4, p. 197-204.
**Bellavitis, Giusto:** Pensieri sopra una lingua universale, *Memorie dell'I. R Istituto Veneto di Scienze, Lettere ed Arti*, vol XI (1862), pp. 33-74.
**Luciano, Erika e Roero, Clara Silvia:** *Giuseppe Peano - Louis Couturat: Carteggio (1896-1914)*, Firenze, Olschky, (2005), pp. 258.
**Minnaja, Carlo:** Un carteggio tra matematici sullo sfondo di una lingua internazionale, *Language Problems and Language Planning*, 2 (2007), presata.
**Roero, Clara Silvia:** I matematici e la lingua internazionale, *Boll. Unione Matematica Italiana*, Sez. A, (1999), p. 159-182.
**Roero, Clara Silvia:** *L'Opera Omnia di Giuseppe Peano*, Cd-Rom, Dipartimento di Matematica, Università di Torino (2002).
**Roero, Clara Silvia:** *Le Riviste di Giuseppe Peano*, Cd-Rom, Dipartimento di Matematica, Università di Torino (2003).
**Schmid, Anne-Françoise:** *Bertrand Russell: correspondance sur la philosophie, la logique et la politique avec Louis Couturat (1897-1913)*, Paris, Kimé (2001).
**Vailati, Giovanni:** La logique mathématique et sa nouvelle phase de développement dans les écrits de M. J. Peano, *Revue de Métaphysique et de Morale*, VII (1899), p. 73-77.

Ricevite 2007-01-09

*Adreso de la aŭtoro:* Prof. Carlo Minnaja, Dip. Matematica Pura ed Applicata, Università di Padova, Via Trieste 63, IT-35121 Padova

*Lettere di due interlinguisti all'inizio del ventesimo secolo (Riassunto)*

Il carteggio descritto, raccolto e commentato da Erika Luciano e Clara Silvia Roero, intercorre tra il matematico torinese Giuseppe Peano e il filosofo francese Louis Couturat. Si tratta di 101 missive tra il 1896 e il 1910, quasi tutte in francese, delle quali soltanto 4 sono di Peano, mentre le altre 97 sono di Couturat. Sono aggiunti altri 15 scritti inerenti al tema. Fino al 1899 gli argomenti trattati riguardano la logica e il *Formulaire de Mathématiques* di Peano, ma dopo riguardano quasi esclusivamente l'idea di una lingua internazionale per la comunicazione degli scienziati.

Entrambi vedono la soluzione in una lingua artificiale (adesso si direbbe "pianificata"): Couturat diventa un fautore dell'Esperanto, mentre Peano lancia il *Latino sine flexione*. Le missive riguardano il lavoro di Couturat per far accettare al mondo scientifico, che si riunisce in congressi di vario genere, l'idea di una lingua internazionale. Viene istituita una delegazione, che ha l'appoggio di accademie e scienziati singoli, e poi un Comitato che deve effettuare la scelta della lingua internazionale più adatta. Le lettere mostrano l'entusiasmo di Couturat per il problema e l'organizzazione, mentre Peano appare più tiepido; viene cooptato comunque nel Comitato e collabora ai suoi lavori che si concluderanno con la scelta di un Esperanto modificato che si chiamerà Ido. Couturat diffonderà quindi l'Ido con la stessa passione con la quale aveva propagandato l'Esperanto, ma Peano si stacca dalle decisioni del Comitato e Couturat ne rimprovera aspramente l'incoerenza. La morte di Couturat per un incidente automobilistico e il commosso necrologio fattone da Peano pongono fine alla polemica.

grkg / Humankybernetik
Band 48 Heft 1 (2007)
Akademia Libroservo / IfK

## Semiotische Pullbacks und Pushouts

von Alfred TOTH, Tucson (USA)

> Nur Form ist Freiheit. Inhaltliche Bestimmung aber ist gewesene Freiheit, ist Zwang.
> Gotthard Günther (1991: 22)

### *1. Einleitung*

Die mathematische Kategorientheorie wurde von Samuel Eilenberg und Charles Ehresmann sowie von Saunders Mac Lane zunächst mit dem Zwecke eingeführt, eine einheitliche Sprache für Homologie und Cohomologie zu schaffen (vgl. Eilenberg und Mac Lane 1942a, 1942b). Später hatte sie sich aber als besonders geeignet erwiesen, die Struktur mathematischer Theorien sowie die Relationen zwischen ihnen zu beschreiben (vgl. Pumplün 1999).

Erstaunlich ist, daß die Kategorientheorie erst relativ spät zur Formalisierung der Semiotik eingeführt wurde (Bense 1976, Marty 1977, Berger 1977, Walther 1979: 135ff., Leopold 1990). Es blieb jedoch bei der Übernahme von elementaren Begriffen wie Kategorie, Morphismen, natürliche Transformationen und Funktoren. Die einzige Ausnahme einer Weiterführung war die Konstruktion der Semiotisch-Relationalen Grammatik, welche ein Modell einer kategorietheoretischen Topologie darstellt (Toth 1997).

### *2. Semiotische Kommunikationsschemata*

Im semiotischen Kommunikationsschema "fungiert das Mittel der Repräsentation bekanntlich als Kanal bzw. als Medium der Übertragung" (Bense 1979: 99). 'Quasi-Sender' und 'Quasi-Empfänger' korrespondieren mit dem semiotischen 'Weltobjekt' bzw. mit der autoreproduktiven 'Bewußtseinsfunktion' sowie mit dem semiotischen Objektbezug bzw. mit dem semiotischen Interpretantenbezug" (Bense 1981: 144ff.). Das semiotische Kommunikationsschema muß daher wie folgt formalisiert werden:

$$O\,(2.1, 2.2, 2.3) \rightarrowtail M\,(1.1, 1.2, 1.3) \rightarrowtail I\,(3.1, 3.2, 3.3)$$

Dabei ergibt sich jedoch das Problem, daß die kategoriale Abfolge $O \Rightarrow M \Rightarrow I$ der sogenannten pragmatischen Maxime (der sogenannten thetischen Setzung) widerspricht, wonach das Peircesche Zeichen vom Interpretanten her eingeführt wird, nämlich als

$$I \Rightarrow M \Rightarrow O.$$

*3. Semiotische Kreationsschemata*

Noch größere Probleme bereitet das semiotische Kreationsschema. Bei diesem bereits von Peirce (1976) eingeführten Begriff handelt es sich um eine "selektiv erreichbare Schöpfung" bzw. "um eine ebenso ideeierende wie formalisierende und fundamentale wie kategoriale thetische Einführung eines neuen Seienden, also um die methodische Zuständigkeit des Leibniz-Peirceschen existenzsetzenden Prinzips, das aus der verdoppelten selektiven Zuordnung einer hyperthetischen Notwendigkeit (Regel, Gesetzmäßigkeit) auf einem hyperthetischen Repertoire der Möglichkeit zu einer thetisch determinierten Wirklichkeit des formal intendierten neuen Seienden gelangt" (Bense 1981: 164). Später präzisierte Bense, es handle sich "auf der Ebene der semiotischen Repräsentation einer Kreation stets um die generierende oder realisierende Wirkung des wechselseitigen, also bilateralen Konstituierungszusammenhangs zwischen einem replikativen Interpretanten (.3.) und seinem repertoiriellen Mittel (.1.) auf den Bereich möglicher oder thematisierbarer Objektbezüge (.2.)" (1983: 27). Das semiotische Kreationsschema muß dann nach Bense (1981: 164) wie folgt dargestellt werden:




Die kategoriale Abfolge ist hier also M⇒I⇒O und steht damit wie schon diejenige der Kommunikationsschemata im Widerspruch zur pragmatischen Maxime.

*4. Kategorietheoretische Limites und Colimites*

Im folgenden wird der Versuch gemacht, die abweichenden Kategorienfolgen der semiotischen Kommunikations- und Kreationsschemata durch Einführung kategorietheoretischer Limites und Colimites in Einklang zu bringen mit der thetischen Einführung des Zeichens bzw. mit der pragmatischen Maxime. Hierzu benötigen wir zunächst einige Grundbegriffe der höheren Kategorietheorie; die Definitionen entnehme ich Schubert (1970).

<u>Definition</u>: Ein Limes (L, λ) für das Diagramm T: $\Sigma \rightarrow \underline{C}$ besteht aus einem Objekt L von $\underline{C}$ und einer natürlichen Transformation λ: $L_\Sigma \rightarrow T$ mit folgender Eigenschaft: Zu beliebiger natürlicher Transformation ξ: $A_\Sigma \rightarrow T$ gibt es genau einen Morphismus f: $A \rightarrow L$ mit

$$
\xi = \lambda f_\Sigma \qquad f_3 \qquad
\begin{array}{ccc}
A_\Sigma & & \\
\Downarrow & \overset{\xi}{\searrow} & \\
 & \underset{\lambda}{\nearrow} & T \\
L_\Sigma & &
\end{array}
$$

Pullbacks sind ein wichtiger Spezialfall endlicher Limites, und zwar von Diagrammen folgender Gestalt:

$$A \xrightarrow{f} C \xleftarrow{g} B$$

Eine natürliche Transformation eines zugehörigen konstanten Diagramms $D_\Sigma$ ist völlig beschrieben durch zwei Morphismen u: D→A, v: D→B mit fu = gv.

Definition: Es seien f: A→C, g: B→C zwei Morphismen mit gleichem Ziel. Ein Pullback für das Paar (f, g) ist ein kommutatives Rechteck

$$\begin{array}{ccc} P & \xrightarrow{r} & B \\ \downarrow s & & \downarrow g \\ A & \xrightarrow{f} & C \end{array} \qquad gr = fs$$

mit folgender Eigenschaft: Sind u: D→A, v: D→B Morphismen mit fu = gv, so gibt es genau einen Morphismus w: D→P mit u = sw und v = rw. Eine Kategorie besitzt Pullbacks, wenn in ihr jedes Paar von Morphismen mit gleichem Ziel ein Pullback besitzt.

Durch Dualisierung von Limites erhält man Colimites, entsprechend werden auch die Diagrammschemata und die Kategorien dualisiert.

Definition: Es seien f: A→B, g: A→C zwei Morphismen mit gleicher Quelle. Ein Pushout für das Paar (f, g) ist ein kommutatives Rechteck




sf = rg

mit folgender Eigenschaft: Sind u = B→X, v: C→X Morphismen mit uf = vg, so gibt es genau einen Morphismus w: Q→X mit ws = u und wr = v.

*5. Kommunikationsschemata als Pushouts*

Wir nehmen als Beispiel die Zeichenklasse 3.1 2.2 1.3. Ihre traditionelle Formulierung als Kommunikationsschema sieht wie folgt aus:

2.2 ⟶ 1.3 ⟶ 3.1

Sei nun A = 2.2, B = 3.1, C = 1.3, f = (2.2⇒3.1) g = (2.2⇒1.3), s = (3.1⇒Q), r = (1.3⇒Q). Das entsprechende Pushout sieht dann wie folgt aus:




Dann gilt: (3.1⇒Q) · (2.2⇒3.1) = (1.3⇒Q) · (2.2⇒1.3). Das Mittel 1.3 spielt dann die Rolle des Kanals in der semiotischen Kommunikation zwischen dem Weltobjekt 2.2 und der autoreproduktiven Bewußtseinsfunktion 3.1. Q ist also 2.2 → 1.3 → 3.1 (O → M → I).

*6. Kreationsschemata als Pullbacks*

Wir nehmen als Beispiel wiederum die Zeichenklasse 3.1 2.2 1.3. Ihre traditionelle Formulierung als Kreationsschema sieht wie folgt aus:




Sei nun B = 3.1, A = 1.3, C = 2.2, r = (P⇒3.1) g = (3.1⇒2.2), f = (1.3⇒2.2), s = (P⇒1.3). Das entsprechende Pushout sieht dann wie folgt aus:




g

Dann gilt: (3.1⇒2.2) · (P⇒1.3) = (1.3⇒2.2) · (P⇒1.3). Das Mittel 1.3 spielt dann die Rolle des seleigierbaren Repertoires im semiotischen Kreationsschema, 3.1 diejenige des replikativen Interpretanten und 2.2 diejenige des Bereichs möglicher oder thematisierbarer Objektbezüge. Die kreative semiotische Schöpfung ist also C (M → I → O).

## *7. Zusammenfassung und Ausblick*

Wie wir gesehen haben, ist es möglich, semiotische Kommunikationsschemata als kateogrietheoretische Pushouts und semiotische Kreationsschemata als kategorietheoretische Pullbacks zu formalisieren. Genauso wie sich Limites und Colimites dual zueinander verhalten, sind auch Pullbacks und Pushouts dual zueinander. Semiotisch gesehen bedeutet das aber: Auch Kommunikations- und Kreationsschemata sind kategorietheoretisch betrachtet dual zueinander. Ferner zeigt die vorliegende Miniatur auch, daß es sich lohnen wird, zukünftig auch Elemente der höheren Kategorietheorie für die mathematische Semiotik nutzbar zu machen.

## *Schrifttum*

**Bense, Max:** Semiotische Kategorien und algebraische Kaetegorien. In: Semiosis 4 (1976), S. 5-19.

**Bense, Max:** *Die Unwahrscheinlichkeit des Ästhetischen.* 1979, Baden-Baden: Agis.

**Bense, Max:** *Axiomatik und Semiotik.* 1981, Baden-Baden: Agis.

**Berger, Wolfgang:** Funktoren und die Autoreproduktion der Zeichen. In: Semiosis 6 (1977), S. 16-21.

**Eilenberg, Samuel und Saunders Mac Lane:** Group extensions and homology. In: Ann. of Math. 43 (1942), S. 757-831 (= 1942a).

**Eilenberg, Samuel und Saunders Mac Lane:** Natural isomorphisms in group theory. In: Proc. Nat. Acad. Sci. USA 28 (1942), S. 537-543 (= 1942b).

**Günther, Gotthard:** *Idee und Grundriß einer nicht-Aristotelischen Logik.* 3. Aufl. 1979, Hamburg: Meiner.

**Leopold, Cornelie:** Kategorietheoretische Konzeption der Semiotik. In: Semiosis 57/58 (1990), S. 93-100.

**Marty, Robert:** Catégories et foncteurs en sémiotique. In: Semiosis 6 (1977), S. 5-15.

**Peirce, Charles S.:** Analysis of Creation. In: Semiosis 2 (1976), S. 5-9.

**Pumplün, Dieter:** *Elemente der Kategorientheorie.* 1999, Heidelberg und Berlin: Spektrum.

**Schubert, Horst:** *Kategorien I.* 1970, Berlin, Heidelberg und New York: Springer.

**Toth, Alfred:** *Entwurf einer Semiotisch-Relationalen Grammatik.* 1997, Tübingen: Stauffenburg.

**Walther, Elisabeth:** *Allgemeine Zeichenlehre.* 2. Aufl. 1979, Stuttgart: Deutsche Verlags-Anstalt.

Eingegangen 2006-10-23

Anschrift des Verfasers:
Prof. Dr. Alfred Toth, 8225 East Speedway, Apt. 1013, Tucson AZ 85710 (USA).

*Semiotical Pullbacks and Pushouts (Summary)*

Category Theory had been introduced relatively late into Semiotics. The present article deals with further extensions by applying the concepts of pullbacks and pushouts in order to formalise the semiotical communication schemata as pushouts and the semiotical creation schemata as pullbacks, respectively.

grkg / Humankybernetik
Band 48 · Heft 1 (2007)
Akademia Libroservo / IfK

## La klerigkategoria didaktiko de Franz Fischer kaj ĝiaj rilatoj al sciencoj, scio kaj konscienco

de Arno WARZEL, Hannover (D)

La filosofian verkon de Franz Fischer, genia disĉiplo de Erich Heintel (Vieno), kiu ĉiam havis influon al la pedagogio, oni emas dispartigi – verktempe kaj fake - en **„reflektado-filozofion"** kaj **"proflektado-filozofion"**. La proflektado-filozofio ne plu estas temo de tiu ĉi kontribuaĵo. La reflektado-filozofio de Fischer montras al ni specialan dialektikon rilate al memvortigitaj **"horizontala"** respektive **"vertikala"** klasifikoj en la sistemo de la sciencoj.

La du klasifikoj montras rilatojn al pedagogio: ili malkaŝas, eĉ senmaskigas klerigkategoriojn gravajn por edukado, instruado kaj lernejaj lecionoj. Interligiloj inter la diversaj ŝtupoj en la horizontala klasifiko, inter la diversaj ŝtupoj en la vertikala klasifiko, interligiloj inter ambaŭ klasifikoj kaj interligiloj inter sciencteoriaj kaj klerigkategoriaj aspektoj de la Fischera teorio troviĝas inter la **bazaj nocioj** de la sciencoj. En ĉiu scienco oni trovas bazajn nociojn, ekzemple "korpusklo", ("partiklo"), "ondo", "maso" "forto", "energio", "elektra kampo", ...en fiziko; ekzemple "vivo", "nutrado", "generado", ... en biologio; ekzemple "psiko", "agmaniero", "personeco", "talento", ... en psikologio; ekzemple "kredo", "konscienco" "bono kaj malbono", ... en religio.

Franz Fischer ne klarigas per eksplica difino, kion li komprenas sub la bazaj nocioj de la sciencoj, sed li liveras kelkajn aksiomojn kiel implican klarigon. Sekve de tia klarigo oni havas jenajn karakterizojn por ĉiuj bazaj nocioj:

- Por ili la realo estas antaŭkondiĉo.
- La bazaj nocioj atentigas pri la realo kaj pri respektivaj agkoneksoj.
- En sciencaj frazsistemoj, leĝsistemoj kaj en sciencaj modeloj mem oni ofte ne trovas specialan eksplikadon pri la baznocioj.
- La koncerna scienco kaj ĝiaj objektoj fondiĝas kaj konstituiĝas sekve de bazaj nocioj.
- Ili karakterizas la koncernan sciencon, la paradigmojn kaj la efikkampon de la koncerna scienco.
- Ili diferenciĝas en diversspecaj sciencoj kaj mondrigardoj – pro tio oni rajtas reflekti la bazajn nociojn kiel artikon aŭ kiel krampon inter malsamaj sciencoj – ili interligas malsamajn sciencojn.
- Ili malfermas ne nur sciarostrukturojn kaj sciencstrukturojn, sed ambaŭ konsciencstrukturojn.
- Ne ĉiam la bazaj nocioj estas klarigitaj kaj respektive interpretitaj.

Por la reflektadfilozofio oni vidas:



*La horizontala klasifiko*

Dum mia vivo mi spertis tre frue, ke mi troviĝas en kadro de scio kaj agado. Tial ne estas nekompreneble, ke oni parolas pri scio kaj agado dum ordinara tago kaj per sciencoj. La antaŭkondiĉigo ĉiam estas la senpera realo - oni verŝajne pensu kun Kant pri la "Ding an sich" sed tio ne estas la rilato ĉe Fischer; li parolas pri naturo, kulturo kaj homa vivsituacio. En la frazosistemoj de la sciencoj koresponda realeco estas la intencato. Laŭ ĝeneraleco, universaleco de la predikatoj, signoj, la realeco vortiĝas, eniras en paroladon kaj skribitan tekston. Do estas kompreneble, ke filozofoj provas estigi dialektikon pri dirado (vortigado) kaj intencado ("Sagen und Meinen" ĉe Franz Fischer – kelkfoje oni eĉ devas rememorigi Hegel).

.Senprokraste aperas du demandoj: Kiel la dialektiko paŝas antaŭen? Ĉu la dialektiko havas finpunkton? Taŭgan manieron antaŭenpaŝi en sia dialektiko de dirado kaj intencado Fischer trovas en la metodo retrodemandi, t. e. retrokupladi la diritan al sia antaŭkondiĉigo, al sia ebla kondiĉigo, (kondiĉigo de la ebleco, „Bedingung der Möglichkeit").

Por la reflektado ene de la horizontala klasifiko, la realeco estas la antaŭkondiĉo. Per dirado stariĝas komence unuopaj frazoj. En faktosciencoj ili nomiĝas spertodeklaroj aŭ bazaj frazoj. Tiuj rilatas al konkretaj objektoj kaj aferoj, sed oni povas esprimi tiujn objektojn kaj aferojn nur en la senco de la ĝeneraleco de taŭgaj predikatoj, kiuj starigas evidentan signifon kaj certecon. En la frazo " Tiu folio estas verda" senpera donitaĵo estas intencata, "folio" kaj "verda" kontraŭe estas ĝeneralaj determinoj rilatantaj al multaj unuopaj objektoj.

Ĉe Franz Fischer tiu ebeno nomiĝas **"la senpera ĝeneralo"**, kiu liveras certigon pri donitaĵoj. Kiam oni redemandas la senperan ĝeneralon rilate al ĝia antaŭkondiĉo, oni eltrovas la ĝeneralecon de la uzataj predikatoj, t.e. ties kapablon interligi objektojn kaj okazaĵojn sur lingva ebeno.

Tiuj interrilatoj ricevas formadon figure de ĝeneralaj priskribadoj kaj prijuĝadoj, figure de hipotezoj, deklaradoj kaj argumentadoj – direktataj al sciencaj sistemadoj. Tiel la homo estas alveninta al la ebeno de la **"predikata ĝeneralo"**.

Estas eraro pensi, ke nur faktosciencoj (spertosciencoj) havas specialajn bazajn frazojn (senperan ĝeneralon) kaj sistemajn teoriojn (predikatan ĝeneralon). Ankaŭ la spiritsciencoj (sociaj sciencoj, homsciencoj) havas karakterizan senperan ĝeneralon kaj predikatan ĝeneralon. Ekzemple la frazo "Caesar mortis en la jaro 44 kaŭze de atenco" apartenas al senpera ĝeneralo. La respondoj al demandoj "Kial... , kiel..., kio..., sub kiuj politikaj donitaĵoj, por kiu celo,....?" starigas historiajn teoriojn - la predikatan ĝeneralon.


Realo
Wirklichkeit
1) Realeco
kiel reflektaĵo t. e.
kiel antaŭkondiĉigo
*Wirklichkeit*
als *Gemeintes*, d. h.
als *Voraussetzung*
6) Ekzemplo, Modelo
Atestado
Pozitiva konkreto
Vorbild
Bezeugung
*Positiv-Konkretes*
2) Donitaĵo
Certeco
Senpera ĝeneralo
Gegebenes
Gewissheit
*Unmittelbar-Allgemeines*
5) Motivo
Plenumo
Senpera konkreto
Motiv
Vollbringen
*Unmittelbar-Konkretes*
3) Hipotezo
Sciaro
Predikativa ĝeneralo
Hypothese
Wissen
*Prädikativ-Allgemeines*
4) Tasko
Konscienco
Pozitiva ĝeneralo
Aufgegebenes
Gewissen
*Positiv-Allgemeines*
Rilato
Scio : Konscienco
DONATOSTRUKTURO
*Gegebenheitsstruktur*
TASKOSTRUKTURO
*Aufgegebenheitsstruktur*

Kiel kondiĉigon de la ebleco de sciencaj frazsistemoj (la predikativa ĝeneralo), Fischer ekkonas la ĝeneralajn nociojn, speciale la bazajn nociojn en la aksiomaj bazoj de la sciencoj. Reflektado pri la limo de la sciencoj liveras ne nur teorian sencon, sed ankaŭ praktikan sencon, konscienco-strukturojn – exemple "vivo": la vivo estas protektinda, gardinda. La teoria senco de la realo estas: La realo estas priskribebla donitaĵo. – La pratika senco de la realo estas: La realo estas homa tasko. La naturo kaj la homo kaj la kulturfenomenoj ankaŭ ne estas nur kelkaj rimedoj, ili estas vi-strukturoj ("Du-Strukturen", ein jeweiliges "Du"), homaj taskoj. La bazaj nocioj de la sciencoj kaŝas ne nur scion, sed ankaŭ konsciencon kiel konscion (konscio = συνειδεσις = Mit-Wissen = Ge-Wissen).

En ĉiu scienco oni povas ekkoni:

- Por ĉiuj sciencoj kaj iliaj frazsistemoj (teorioj) ekzistas eblaj antaŭkondiĉigoj, eltroveblaj per filosofia reflektado.
- Por ĉiu scio kaj por ĉiu instruado ni mem estas antaŭkondiĉigitaj, ni mem kun niaj eblecoj, niaj kategorioj, selektadprincipoj, intencoj, perspektivoj.
- Per reflektado pri bazaj nocioj de la scio ni povas senti limon de scio kaj scienco: la konsciencon kaj la tasko-strukturon de la mondo.

La konscienco malfermas la rilaton de la memo al realo. La homo ekkonas donitaĵon kiel taskon en sia motivhorizonto. Ĉe Fischer la konscienco kiel motivhorizonto nomiĝas la **"pozitiva ĝeneralo"**. La konscienco ne mem diras, kion homo devas fari aŭ ne devas fari en sia momenta situacio, ĝi bezonas konkretajn motivojn. La motivoj elstaras kiel moroj kaj kutimoj, valoroj, normoj (inkluzive de juraj normoj), politikaj frazaroj, ideologioj, etikaj sistemoj, religiaj ordonoj.

Tiuj motivoj estas deduktendaj nek el moralo-principoj nek el la konscienco, ili estas antaŭkondiĉigoj por la konscienco-decido, ĉu tiuj motivoj estas bonaj aŭ malbonaj. Motivoj laŭ la maniero, ke la "vi" ("Du") estas nur rimedo, estas malbonaj, motivoj kadre la justeco kaj respondeco de la "vi" ("Du") estas bonaj. Ĉe Franz Fischer tia motivŝtupo nomiĝas la "**senpera konkreto**".

Nun la reflektado paŝas al nova limo: Ĉu ekzistas autaŭkondiĉigo por la sencodono de motivoj? Fischer jesas: Kiel antaŭkondiĉigo, la reflektado trovas la konfidon pri la ebleco de la motivrealigado. Motivoj sen nia konfido al la ebleco de la motivrealigado estas sen senco por ni.

Fischer ne hezitas montri homan limsituacion: "Homo, kiu ne plu konfidas al siaj motivoj, ankaŭ rezignis pri si mem; kiam pro abstrakta libereco li rezignas pri la konfido al la realigeblo de siaj motivoj entute, okazas tragika cirkonstanco de lia memrezignado: ofte ankaŭ ties konkreta realigado kiel lastinstanca decido; en absoluta reflektado pri sia senpera konfido, la realigeblo de tia memrezignado estas la finfino, al kiu li ankoraŭ

konfidas. Tia memrezignado estas la rezignado pri la senpera konfido al la realigeblo de motivoj kiel la senco de la senpera ebleco de *mi* kaj ties destino entute.[1]"

Estas kruele kaj detrue forpreni de homo la konfidon al sia motivrealigado. Per atestado kaj ekzemplodonado kadre de speciala agado – Fischer argumentadas ĉi tie pedagogie en malampleksa senco – realiĝas firmigo de la konfido je la motivrealigo. Fischer nun atingas la lastan ŝtupon de sia horizontala klasifiko de la sciencoj: tio estas la **„pozitiva konkreto"**.

La Fischera horizontala klasifiko ŝajnas plenumita kaj komprenebla. Nur ŝajnas - ĉar restas demandoj.

1. La realo estas antaŭkondiĉigo por la tuto de la horizontala klasifiko. Atingante la lastan ŝtupon, la pozitivan konkreton, oni atingas atestadon kaj ekzemplodonadon kadre de speciala *agado* – do la celo de la horizontala klasifiko estas (apenaŭ peco da) realo.
   Demando: Ĉu la horizontala klasifiko estas pli bone bildigebla cirkloforme ?
2. Fischer ne nur starigis horizontalan klasifikon sed - dise - vertikalan klasifikon de la sciencoj.
   Demandoj: Ĉu la du klasifikoj devas resti disaj? Ĉu eblus trovi lokon por la vertikala klasifiko ene en la horizontala klasifiko?
3. Fischer prezentis sian verkon ne nur kiel filosofian, sed ankaŭ kiel pedagogian verkon.
   Demando: Ĉu eblas dedukti klerigkategoriojn el horizontala kaj el vertikala klasifiko?

Ad 1: Estas ĝuste, ke Fischer en sia dialektiko de diro kaj intenco antaŭkondiĉigas la realon kaj estas ĝuste, ke la celo en la horizontala klasifiko estas homkonforma reala agado en la hominkluziva realo, ne nur vortigitaj atestado kaj ekzemplodonado. La realo je la komenco, la realo je la fino; ĉu ni ne povas ekkoni cirklon? Ŝajnas, ke jes, sed ni ne havas logikan cirklon, ni ne havas „circulum vitiosum". Ne estas logika cirklo, ĉar homo „malfermas okulojn kaj faras decidon" (por agado) (Romano Guardini[2]). Bedaŭrinde, Fischer ne diskutas la cirklostrukturon de sia horizontala klasifiko. Do li ne povas montri, ke proflektada filozofio unuavice estas ene en la reflektada filozofio de la dialektika strukturado de la horizontala klasifiko, aliavice ĉirkaŭigas ĝin.

---

[1] Franz Fischer *1980*, S. 191: „Ein Mensch, der an das 'mögliche Daßsein' seiner Motive nicht mehr glaubt, hat es schon aufgegeben; wenn er aus abstrakter Freiheit diesen Glauben an die mögliche Verwirklichung seiner Motive schlechthin aufgibt, tritt der Fall seiner Selbstaufgabe ein: oft auch ihre konkrete Durchführung als letzte Entscheidung; in absoluter Reflexion seines unmittelbaren Glaubens ist die Möglichkeit der Aktualisierung dieser Selbstaufgabe das letzte, woran er noch glaubt. Diese Selbstaufgabe ist die Aufgabe des unmittelbaren Glaubens an die Möglichkeit des 'Daßseins' von Motiven als dem Sinn der unbedingten Möglichkeit von Ich und seiner Bestimmung schlechthin.

[2] Romano Guardini, cit. ĉe Dieter Höltershinken *1971*, S. 110

Ad 2: Kvankam Fischer ne priskribis la temaron tiel, la vertikala klasifiko kiel vertikala klasifiko *de la sciencoj* kompreneble loke troviĝas inter la donatostrukturo kaj la taskostrukturo en la horizontala klasifiko, tio estas inter la predikata ĝeneralo kaj la pozitiva ĝeneralo - ĉar la Fischera demando estas: Per kiu vojo kognitiva senco transformiĝas en konsciencan sencon?

Fischer povas per *dialektiko de diro kaj intenco* eltrovi antaŭkondiĉigojn de la koncerna scienco en proksima scienco. La ŝtupoj por limtranspaŝi la sciencon en la proksiman liveras transpaŝejojn el scio en konscienco. Homstrukturo, kiu rekomendas al homo pensi kaj agi pro konscienco, ĉe Fischer nomiĝas « memo », la malo nomiĝas « ego ». Montriĝas, ke ankaŭ tra la vertikala klasifiko oni retrovas dialektikon de reflektado kaj proflektado. Jen tabelo:

Sistema aranĝo pri la rilatoj inter dirato kaj intencato,
ego kaj memo:

| | | |
|---|---|---|
| 1. semantiko | dirato:<br>intencato:<br>ego:<br>memo: | vorto<br>signifo<br>lingvovirtuozeco<br>esencokorespondo |
| 2. logiko | dirato:<br>intencato:<br>ego:<br>memo: | rilatoj, difinoj<br>identeco<br>penslerteco<br>objektkorespondo |
| 3. matematiko | dirato:<br>intencato:<br>ego:<br>memo: | unuoj<br>figurado (de unuoj)<br>operacia lerteco<br>kosmos noetos |
| 4. fiziko | dirato:<br>intencato:<br>ego:<br>memo: | dimensioj<br>mezurorilatoj<br>spacomanipuleblo<br>naturkosmo |
| 5. biologio | dirato<br>intencato:<br>ego:<br>memo: | vivfunkcioj, organaj rilatoj<br>celinterlig(itec)o<br>vivmanipuleblo<br>memvivo |
| 6. psikologio | dirato:<br>intencato:<br>ego:<br>memo: | agmaniera invarianteco<br>person(ec)o<br>psikomanipuleblo<br>persona memagmaniero |
| 7. sociologio | dirato:<br>intencato:<br>ego:<br>memo: | interhoma invarianteco<br>komunumo<br>socia manipuleblo<br>pretendo de la komunumo |

| | | |
|---|---|---|
| 8. historio | dirato:<br>intencato:<br>ego:<br>memo: | agadoj, okazoj<br>(ag)motivoj, valoroj<br>historiismo<br>historia valoro por estonteco |
| 9. juro | dirato:<br>intencato:<br>ego:<br>memo: | vortigitaj normoj<br>justeco<br>jurokonveno<br>justeca pretendo |
| 10. politika scienco | dirato:<br>intencato:<br>ego:<br>memo: | valorsistemo<br>valoroj<br>ideologia dogmulo<br>valorrealiganta subjekto |
| 11. arto | dirato:<br>intencato:<br>ego:<br>memo: | valorilustraĵo<br>valorado<br>valorscia homo<br>valore tuŝata homo |
| 12. religio | dirato:<br>intencato:<br>ego:<br>memo: | homa vorto pri senco el sia mem<br>senco el sia mem<br>dogmulo, farizeo<br>espero pri senco de sia mem |

En la sciencoj ni havas vortigitajn teoriojn. Do Fischer komencas per la vortoj[3] kaj proponas la *semantikon* kiel unuan ŝtupon de la vertikala klasifiko. Nun la dialektiko de diro kaj intenco startas movon al proksima ŝtupo ... al proksima ŝtupo k. t. p. La vorto estas dirata – intencata estas la signifo.

Homo, kiu parolas sekve de esencokorespondo, agas laŭ sia konscienco. La malo estas lingvovirtuoze paroli kun la celo trakti homojn kiel ilojn. Al la demando, ĉu vorto povas havi specialan signifon aŭ eble ankaŭ aliajn, respondas *logiko*. La logiko postulas difinojn kaj liveras interrilatojn. Antaŭkondiĉigo estas ideo de identeco. Homo, kiu celas objektkorespondon, agas laŭ sia konscienco. Iu, kiu celas penslertecon por trakti homojn kiel ilojn, agas malbone.

La demando, ĉu ekzistas proporcioj aŭ rilatoj inter identecoj, gvidas nin al la matematiko. En la matematika kadro oni vidas vicojn da nombroj, kalkuloperacioj, geometriaj figuroj ktp. Grandskale sammaniere oni antingas aliajn ŝtupojn kun la polusoj "dirato: intencato" kaj "ego: memo". Okulfrapas diversaj aferoj: La komenco de la vertikala sistemo, la transpaŝo el scienco al scienco, la senco de vertikaleco, la fino.

Fischer komencas la vertikalan sistemon de la sciencoj per la semantiko. La kialo estas: videblas, ke vortoj estas gravaj bazoj subtene de elementaj kaj fundamentaj eroj de la sciencoj kaj de la sciencaj teorioj. Senprokraste li komprenas, ke vorto sen signifio

[3] vidu la germanlingvan tabelon en: Franz Fischer *1975*, S. 129 - 130

restas malplena. Saĝe uzata vorto devas gvidi al signifio – do Fischer trovas "semantikon" kiel komencon de la sciencoj-ŝtuparo.

Sed kiel antaŭkondiĉigo restas realo, t.e. homa vivo kun ĝiaj realaj situacioj kaj homa agado. Ĉe Fischer la nocio "situacio" estas ĉefnocio por la realo. Aliflanke, sur ebeno de la semantiko, Fischer parolas pri konscienco, pri "ego" kaj "memo", pri agado surbaze de vortoj, li parolas pri la uzantoj de la vortoj.

Do se oni povas konstati, ke "semantiko" ne estas taŭga nocio, oni plibonigus "semantikon" en "semiotikon", kiu kunportas "pragmatikon".

Komencante per la semiotiko kaj pensante ĉefe pri agado oni ne devas vidi la logikon kiel proksiman ŝtupon en hierarkio. Ekzemple Johannes Heinrichs starigas ŝtuparon „agado – semiotiko – arto – mistiko"[4]. Fischer volas vidi klasifikon de la *sciencoj*, do li daŭrigas la vertikalan klasifikon per la logiko.

Sed kial la vico "semantiko – logiko – matematiko – fiziko – ...."? Kial ne la vico "semantiko – semiotiko – matematiko – psikologio –...? Tiajn demandojn oni havas tra la tuta vertikala sistemo.

Kelkaj sciencoj mankas en la klasifiko. Ekzemple oni ne trovas medicinon, oni ne trovas pedagogion. Eble medicino loĝas en la domo de la biologio. La respondo estas, ke la antaŭkondiĉigo "realo" restas por la tuta sistemo, tiel ke la pensado "la realo estas la antaŭkondiĉigo de mia penssistemo" devas akompani ĉiujn miajn penskonstruadojn kaj la vertikala klasifiko estas helpo por eltrovi scio- kaj konsciencstrukturojn por solvi la enigmon de mia reala vivosituacio. Eble mi ne ĉiam bezonas la tuton de la vertikala klasifiko. Ekzemple, kiam miaj infanoj ne portas ŝuojn, mi povas scii sur la ebeno de la sociologio, ke – se en mia lando la infanoj alkutimiĝis al ŝuoj – aliaj infanoj en lernejo mokridus pri miaj infanoj kaj komencus ĉikanon, kiam miaj infanoj ne surhavas ŝuojn. Kiam la infanoj suferus en tiu situacio – la ebeno de psikologio estas atingata – eble sufiĉus por mia konscienco, ke mi aĉetas ŝuojn por miaj infanoj. La ebenoj "sociologio" kaj "psikologio" sufiĉus por tia situacio.

Ni konstatas: Kadre de la ideo de vertikala klasifiko oni rajtas konstrui diversajn *modelojn*. Bedaŭrinde, Franz Fischer ne konis la sciencteorian nocion "modelo", do li ne vidis, ke sia vertikala sistemo de sciencoj ne estas io pli ol *modela sinsekvo*. La ekzemplo pri la ŝuoj montras, ke la vertikala sistemo ne devigas nin komenci la reflektadon en la ebeno de la semantiko kaj kuri tra ĉiuj aliaj ebenoj. En taŭga ebeno oni rajtas komenci la reflektadon. Oni eĉ rajtas adicii kelkajn sciencajn ebenojn.

Per la ideo de la hierarkio de la sciencoj Fischer volas diri, ke per la semantiko nia situacio estas tre ĝenerale karakterizata – kaj preskaŭ ĉiujn aferojn en nia mondo ni povas vortigi en taŭga ebeno. Aliĝas multaj aliaj sciencoj: do la situacio "konkretiĝas" pli kaj pli. Vidu ekzemple la situacion de la ŝuoj supre.

---

[4] Titolo de Johannes Heinrichs *1983*

Kiel krampo, kiel ĉarniroartiko inter la diversaj ŝtupoj de la vertikala klasifiko kaj inter donatostrukturo kaj taskostrukturo funkcias *baznocioj de la sciencoj*. Reflektado pri baznocioj de speciala scienco liveras la vojon al antaŭkondiĉigoj de tiu scienco kaj la vojon al alia scienco kaj al konsciencostrukturoj – ĝi daŭrigas la dialektikon "diri: intenci" kaj la dialektikon "ego : memo". La supra ekzemplo pri la ŝuoj bildigis tiun pensadon.

Komenco estas la ebeno de la sociologio : En eŭropa homa socio ni havas normojn, morojn, kutiman konduton, t.e. konduton ĝenerale uzatan – ekzemple oni portas ŝuojn. La socio kaj la unuopaj grupoj uzas diversajn "ilojn" por farigi iun personon strangulo, apartemulo, kiu ne agas kadre de la konduto ĝenerale uzata. Sen ŝuoj en lernejoklaso mian filon atendas ĉikano. La sociologio min informas pri la ekzaktaj mekanismoj. La baznozio estus la nocio "konduto". Reflektado pri tiu nocio liveras la ekkonon, ke la baznocio *"konduto"* diferenciĝas kiel "grupkonduto" en la sociologio kaj kiel "individua konduto" en la psikologio. Oni plie povas reflekti – pensante al la tuto de la Fischera transiro el unu scienco al alia scienco – ke individua konduto estas antaŭkondiĉo por grupkonduto (kaj inverse). La psikologio nin instruas tiumaniere, ke individuo suferas okaze de la vekado de grupkonduto. Ĉar mia filo eble suferus sen ŝuoj en lernejo pro ĉikano fare de la klaso, mia konscienco vekiĝas kaj diras al mi: Evitu suferadon, provu vian meman konduton, donu ŝuojn al via filo. Aŭ: Eble mi inkludas biologion: Evitu malsanon, donu ŝuojn al via filo. La preciza transirado al la biologio restus ekzerctasko. Eble la ekzemplo estas ridinda por la leganto. Bonvolu reflekti novan situacion, ke en la lernejoklaso oni portas nur markartiklajn ŝuojn, kaj ke via filo havas nur simplajn ŝuojn.

Alia interesa temo pri la vertikala klasifiko estas la fino. Oni vidas: Je la komenco ni havas vorton, vorton uzatan de homoj en kadro de la semiotiko – je la fino, en la religio, ni havas vorton el sia mem, tio estas vorto de Dio, memrevelacio de Dio, ne plu plialtigebla: en la λογος "Kristo". Fischer per tio ĉi aliras la kristanan teologion. Sed vorto de Dio ĉiam estas parol-ago. Tiumaniere agado (realo) estas antaŭkondiĉigo kaj la fino por la vertikala klasifiko – koresponde al la horizontala klasifiko. Je la fino de la vertikala klasifiko filozofio mortas, pensado mortas, reflektado mortas, komencas fido kaj espero. Reflektado ne estas kapabla gajni vorton de Dio, vorton de la absoluto; vorto de Dio direktiĝis al homo kaj homo ne povas fari pli ol atenti ĝin.

Ad 3: Nun pri la klerigkategorioj. Kelkfoje kelkaj interpretantoj miskomprenas la Fischerajn tekstojn; kiam Franz Fischer parolas pri klerigkategorioj, li ne nur pensas pri diversaj sciencoj. Ĉe Fischer klerigkategorioj estas la interrilatoj inter la frazsistemoj de la sciencoj kaj iliaj antaŭkondiĉigoj – vortigite ĉe Fischer: " La nocio de klerigkategorio estis difinita per rilato inter la deduktita senco en la sciencoj kaj la senpera senco ene de la antaŭkondiĉigoj de la sciencoj."[5]

[5] Franz Fischer *1975*, S. 61: Der Begriff der Bildungskategorie wurde als Verhältnis zwischen dem abgeleiteten Sinn in den Wissenschaften und dem unmittelbaren Sinn in den Voraussetzungen der Wissenschaften bestimmt.

Klerigo en la senco de procedo do estas perado de tiaj interrilatoj per taŭga reflektado – ekzemple per reflektado pri baznocioj de la koncerna scienco – celante senti konsciencstrukturojn. Oni povas ekkoni: La instruisto en la lernejo havas gravan taskon.

Fischer bedaŭrinde ne liveras ekzemplojn por lernejo-kursoj. Anstataŭe li montras tipojn de maltrafa baznocioj-reflektado en kadro de klerigo:

- Klerigneŭtrala operaciismo
- Reduktado
- Nura rekondukado de baznocioj el scienco al baznocioj de aliaj sciencoj
- Hipostazado de baznocioj

Por *klerigneŭtrala operaciismo* gravas la konekso inter predikata ĝeneralo kaj senpera ĝeneralo. Oni havas realon kiel sciencan donitaĵon. Anticipebleco, prognozodeduktado, teknika uzado por donitaj celoj starigas pensadon kaj agadon. La konscienco ne estas temo. Oni restas en la scienco kaj oni ne gajnas motivojn: motivoj ne estas deduktеblaj, ĉar en sciencaj frazoj ni havas neniun norman premison.

Per *rekondukado* de la baznocioj el scienco al baznozioj de alia scienco t.e. al antaŭkondiĉigoj de alia scienco oni ricevas masivajn sencoŝanĝojn. Kiam oni ne vidas problemojn, la parolado koncernas sen reflektado fine alian aferon. Ekzemple pedagogie intencataj fenomenoj iĝas "esence" psikologiaj aŭ sociologiaj fenomenoj sen reflektado pri la psikologiaj kaj sociologiaj antaŭkondiĉigoj. Ekzemple "vivo" tiumaniere iĝas "esence" makromolekula okazaĵo priskribenda per organika kemio.

*Hipostazadon* de baznocioj ni spertas, kiam baznocioj, pli bone aspektoj de baznocioj kiel ekzemple aspektoj de "raso", "fukciadkapablo", "nacio" ... iĝas valoroj kaj celoj. Reflektante speciale pri germana historio mi ne devas priskribi konsekvencojn kaj rezultojn.

*Reduktado* signifas forgesi la predikativan ĝeneralon, forgesi la sciencojn. La sciencoj ne donas konsciencojn al ni, do ili restu en senpera ĝenerala, senpere spertata situacio. Sed: Ĉu vi ne timas, ke vi tiumaniere estas sklavoj de la tradiciaj moroj?

Ĝusta reflektado pri la bazaj nocioj, la reflektado pri la rilatoj al konsciencostrukturoj kaj la rilatoj inter la sciencoj helpas starigi fakotranspaŝajn lernejolecionojn, helpas verki oficialajn instruplanojn, helpas al homa agado en vivsituacioj.

*Literaturo*

**Fischer, Franz** *1975*: Darstellung der Bildungskategorien im System der Wissenschaften, Bd. III der nachgelassenen Schriften, hrsg. von Dietrich Benner und Wolfdietrich Schmied-Kowarzik, Ratingen/Kastellaun 1975

**Fischer, Franz** *1979*: Die Erziehung des Gewissens. Schriften und Entwürfe zur Ethik, Pädagogik, Politik und Hermeneutik, Bd. II der nachgelassenen Schriften, hrsg. von Josef Derbolav, Kastellaun 1979

**Fischer, Franz** *1980*: Die Philosophie des Sinnes von Sinn. Frühe philosophische Schriften und Entwürfe (1950 – 1956), Bd. I der nachgelassenen Schriften, hrsg. von Erich Heintel, Kastellaun 1980

**Fischer, Franz** *1985*: Proflexion – Logik der Menschlichkeit. Späte Schriften und letzte Entwürfe (1960 – 1970), Bd. IV der nachgelassenen Schriften, hrsg. von Michael Benedikt und Wolfgang Priglinger, Wien/ München 1985

**Heinrichs, Johannes** *1983*: Handlung – Sprache – Kunst – Mystik. Skizze ihres Zusammenhangs in einer reflexionstheoretischen Semiotik, in: KODIDAS CODE, Ars Semeiotica, Volume 6 (1983) – No. 3 / 4

**Heinrichs, Johannes** *2006*: Humankybernetik und Reflexionstheorie, in: grkg, Band 47, Heft 2, Juni 2006, S. 51 – 63

**Höltershinken, Dieter** *1971*: Anthropologische Grundlagen personalistischer Erziehungslehren. M. Buber, R. Guardini, P. Petersen. Eine vergleichende Untersuchung, Weinheim/ Berlin/Basel 1971

**Warzel, Arno** *1983*: Die bildungskategoriale Didaktik Franz Fischers in ihrem Spannungsverhältnis zu Fachdidaktik und Modelltheorie – mit besonderer Berücksichtigung der Fachdidaktik der Mathematik, Frankfurt am Main, 1983

Eingegangen 2007-01-26

Anschrift des Verfassers: PD Dr. Dr. Arno Warzel, Altenauer Weg 29, D-30419 Hannover

*Die bildungskategoriale Didaktik Franz Fischers und einige ihrer Bezüge zu Wissenschaften, Wissen und Gewissen (Knapptext)*

Den handlungstheoretischen Charakter der Transzendentalphilosophie nutzend, hat Johannes Heinrichs (vgl. auch grkg, Band 47, Heft 2, Juni 2006, S. 51 – 63) eine reflexiv gestufte philosophische Semiotik entwickelt, die den Rahmen bildete für eine Sozialphilosophie mit Konsequenzen für politische Strukturen. Auf ähnliche Weise kam Franz Fischer – von den Heinrichsschen Untersuchungen noch nichts wissend – handlungstheoretische Vorgaben mit Transzendentalphilosophie verbindend zu einer Sinnphilosophie und zu Reflexionsebenen horizontaler und vertikaler Gliederung der Wissenschaften, die ihm – pädagogisch gewendet – eine Theorie der Bildungskategorien vorzeichneten, in der vor allem die Grundbegriffe der Wissenschaften einen hervorragenden Stellenwert erhalten. Dieser Fischersche Ansatz soll nun in der vorliegenden Arbeit untersucht werden.

grkg / Humankybernetik
Band 48 · Heft 1 (2007)
Akademia Libroservo / IfK

**Kibernetika sociopsikologia modelo de homo (Unua parto)**

de Zlatko TIŠLJAR, Maribor ( Slovenio/Kroatio)

*1.Enkonduko*

Mi lernis iom pri psikologio kaj estis tre nekontenta. Oni diras en ĝi, ke la homo havas emociojn kiel kolero, ĝojo, timo, kiuj estas elektrokemiaj procesoj en la cerbo kaj mezureblaj. Ĉiu infano ja scias, ke ni havas emociojn. Ĉu neniu provis iel ordigi, sistemigi la emociojn? Kiam kaj en kiuj kondiĉoj aperas unuj kaj en kiuj aliaj? Krome oni malofte distingas klare inter homo kiel socia estaĵo (sociologio) kaj homo kiel individuo (psikologio).

Kiel persono kiu lernis pri tekniko, mezlerneje pri elektrofiziko kaj poste pri kibernetiko, mi tre baldaŭ rimarkis (ankoraŭ en la komenco de komputila erao en la jaro 1968, kiam mi laboris en scienca instituto Rudjer Boŝkoviĉ en Zagrebo), ke la homa konduto kaj la organizo de la homa pensad- kaj reagsistemo tre similas al la organizo de komputilo. Mi sentis jam tiam, ke ekzistas iu paraleleco, kiun oni ne povas science mezure esplori, sed oni povas kompari analogie la aferojn. Jam en la jaro 1975, studinte lingvistikon, mi verkis studon pri analogie-kompara metodo difini universalan gramatikon, kiun mi prezentis en scienca simpozio pri lingvistiko en Kumrovec. Tiam mi komparis la sintaksajn regulojn kun la fizikaj bazaj leĝoj (Simpozio Kumrovec, IKS Zagreb 1978 – kolekto de referaĵoj en Esperanto). Post mia diplomiĝo pri pedagogia kibernetiko ĉe AIS kaj pli forta engaĝiĝo pri eŭropaj aferoj (1996) mi komencis konstrui novan kibernetikan analogi-komparan teorion pri la homo, kiu inhluzivas la tutan naturon. En 2003 studinte pedagogi-andragogian studon en Maribor mi eksciis, ke la problemojn, kiuj ne estas alimaniere solveblaj, oni povas solvi nur per analogie kompara metodo. Mi ne sciis tion antaŭe, tamen mi tiel procedis jam dum jardekoj.

Mi konceptis, ke la homo estas pinto de la evoluo de la al ni konata naturo, sed ke la bazaj leĝoj, kiuj regas lin, enestas en ĉio: en la atomo, en la t.n. morta naturo, en primitiva viva naturo kaj en la homo. Kaj mi bazigas mian esploradon je la elementaj principoj de kibernetiko. Ĉio en la mondo havas celon. Esence la celo de ĉiu strukturo estas laŭeble longe resti en la sama funkcianta formo, simple dirite daŭri kiel eble plej longe. Havi celon signifas strebi al ĝi, vojaĝi tra la tempo kaj spaco. En tiu vojaĝo oni klopodas daŭre kontroli sian vojiron, la direkton per akirado de informoj, ĉu la direkto estas bona. Tiujn informojn oni uzas por korekti la eventualan misigitan direkton.

Fiziko observas la leĝojn de la naturo, ne demandante, ĉu la konduto de la universeroj havas iun sencon. Kibernetiko antaŭmetas la celon. Elektromagneto havas la celon kiel eble plej longe ekzisti. Se influas ĝin alia elektromagneto per sia kampo, ĝi ŝanĝas ties elektromagnetan staton. Pro tiu ŝanĝo en la momento, kiam denove influos ĝin alia

ĝin alia elektromagneto, ĝi ne plu reagos same, sed aliel. Tio estas memoro. Per memoro ni akceptas informojn, kiuj ebligas al ni senti, ĉu ni sukcesos atingi la celon.

Kibernetiko observas ĉion (nevivaĵojn kaj vivaĵojn) kiel strukturojn, kiuj volas atingi sian celon, ĝi estas scienco pri celdirektitaj universeroj, kiuj estas stirataj per helpo de informoj. Oni daŭre sentas informojn, pro kiuj oni decidas pluveturi samdirekte aŭ ŝanĝi la direkton (retrokupla informfluo).

Samtiel la plej kompleksa universero: la homo funkcias kiel strukturo, kiu volas daŭri laŭeble longe. Sed kiel konkrete tio funkcias? Kial foje mi ege koleras pro eta blasfemo kaj foje ridas je blasfemego? Kial mi iam timas kaj alifoje en la sama loko ĝoje kantas? Ĉu temas pri misteroj, pri kiuj respondecas dio aŭ temas pri elkalkuleblaj kaj difineblaj agoj kaj reagoj? Ĉu iu homo estas laŭdifine krimulo kaj alia ne? Ĉu etikaj reguloj pri bono kaj malbono estas universalaj kaj absolutaj? Tiujn demandojn nuntempe studas psikologio, sociologio, religio klopodante respondi jese kaj trovi pruvojn.

Mi konstatas ke ne ekzistas iu konstanta stato aŭ karakterizo. Neniu estaĵo aŭ grupo estas per si mem bona aŭ malbona, estas unufoje por ĉiam (dum sia ekzisto) difinita per la sama karakterizo. Ĉio estas dependa de cirkonstancoj, kiuj difinas niajn agojn kaj reagojn. Ĉiu el ni estas kaj granda bonulo kaj ofta aĉulo, ĉiu el ni estas potenciala krimulo kaj potenciala bonfarulo. Ĉio dependas de tio, ĉu la grupo al kiu ni apartenas estas veturanta al sia celo sur kvieta aŭ malkvieta maro kaj ĉu mi ene de tiu grupo estas en komforta aŭ malkomforta pozicio por pluekzisto.

La dua grava faktoro, kiu estas universala, estas ke ĉio havas en sia bazo enkonstruitan elementan disduiĝon, kiu poste ĉiam disduiĝas je pliaj duopoj. Sekve regas binarisma principo. La ovo en patrinutero post fekundiĝo unue disduiĝas, poste ĉiu el tiuj paroj disduiĝas kaj tiel plu.

Ĉio en la naturo havas kontraŭpolusojn, ĉio estas organizita laŭ branĉostrukturo, en kiu ĉiuj branĉoj efektive disduiĝas. Se ŝajnas, ke iu branĉo havas sep branĉetojn, efektive temas pri disduiĝoj. Unua disduiĝo efektivigas du branĉojn, ili disdividiĝas kaj estas kvar, el tiuj kvar tri disdividiĝis, sed la kvara ne, sekve entute fariĝis sep. Unuavide oni vidas sep, sed per pli detala serĉo oni komprenas pri kio temas. Atomo konsistas el kerno kaj elektronoj, ili povas esti plus- aŭ minus ŝarĝitaj ktp. Ĉiam temas pri duopoj. La strukturo de la mondo estas binara, do ankaŭ la konduto de homo funkcias binarisme.

*II. Intuicio*

Mia startpozicio estas, ke en la spaco troviĝas materiaj aĵoj, kiuj en la tempo mem iel aktivas aŭ estas influataj de aktivado de aliaj aĵoj.

Sekve, la inicianta (komenca) demando en la serĉata modelprogramo, do la unua algoritma paŝo, kiu kaŭzas la konduton de la aĵo estas: ĈU EKZISTAS EKSTERA FORTO-forto de alia aĵo? KIU INFLUAS JE ĜI?

Tiun demandon mi nomas demando de la unua nivelo.

ĈU EKZISTAS EKSTERA FORTO? (Demando de ekzisto)




La kompleta kampo sub la maldekstra flanko (kiam ekzistas ekstera forto) kovras la larĝan kampon de SINGARDEMO kaj la dekstra kovras la larĝan kampon de BEZONOJ.

Demando de la dua nivelo: ĈU LA FORTO (ekstera aŭ interna) estas direktita REKTE KONTRAŬ LA AĴO (fizike proksimiĝas al la aĵo)? (demando de direkto)




Demando de la tria nivelo: ĈU LA FORTO (danĝero ekstera aŭ danĝero interna, potenco ekstera aŭ potenco interna) EFIKAS al la AĴO KIEL ORGANISMO (unuopulo) AŬ KIEL PARTO DE ALIA ORGANISMO (grupo)? (demando de aparteno)




La demando de la kvara nivelo estas: ĈU LA FORTO EFIKAS SENPERE? (demando de tempo)

Se la forto estas ĵus efikanta, la reagoj estos AŬTOMATAJ difinitaj de ROM-sistemo en nia cerbo kaj okazos sen nia konscio (en kazo de individua danĝero temos pri reflekso aŭ afekto) kaj se la forto ankoraŭ malproksimas, aktiviĝos RAM-sistemo kiu startigos la KONSCIAJN MEKANISMOJN. Do, ĉiu el la supraj ok ebloj disdividiĝos je aŭtomata aŭ konscia reagkomplekso (ni havos 8 aŭtomatajn kaj 8 konsciajn agkompleksojn). Kaj jen superrigarde la tuta ĝisnuna procedstrukturo:


Ĉu venas ekstera forto?
Ĉu la forto direktiĝas rekte al mi?
Ĉu la forto efikas al mi kiel unuopulo?
Ĉu ĝi proksimas?
Infor-mo el ekste-ro pri:
Interna forto
Ekstera forto
Poten-co
Dan-ĝero
Grup-eco
Unu-opeco
Kon-scieco
Aŭto-mateco
NE
JES
?
IPGK
IPGA
IPUK
IPUA
IDGK
IDGA
IDUK
IDUA
EPGK
EPGA
EPUK
EPUA
EDGk
EDGA
EDUK
EDUA

*Klarigoj:*

Ĉio ekzistanta agas kaj reagas. Ĉar ĉio ekzistanta havas celon, pro tio la unua demando estas ĈU EKZISTAS EKSTERA FORTO. En jesa kazo la prioritaton havas la ekstera forto – ĝi estas danĝero aŭ potenciala danĝero kaj sekve pli grave estas "turni sian atenton" al ĝi ol zorgi pri la propraj internaj okazadoj.

Sekve, se mi iras surstrate kviete enpensiĝinta aŭ ĝuanta la belan tagon, aŭdinte hundbojon, aŭtomate leviĝas iu mia timo kaj reago. Malaperas miaj pensoj kiujn mi havis antaŭe aŭ ĝusentoj pro la bela tago. La ekstera forto havas prioritaton.

La dua demando ĈU LA FORTO DIREKTIĜIS AL MI ? Denove la prioritaton havas la jesa respondo. Se la forto estas ekstera, kaj rekte direktita kontraŭ mi, ĝi estas sendube danĝero, mi devas reagi, se la forto estas mia propra (interna), temas pri internaj bezonoj, ĝi ankaŭ estas danĝera (mi devas reagi je soifo, doloro...), alikaze povas okazi nekorekteblaj ŝanĝoj en mi, kaj mia celo estas pluekzisti senŝanĝa.

Se la forto ne estas direktita al mi, sed mi tamen sensas ĝin, ĉar ĝia materia komponanto estas en mia proksimo kaj ĝiaj influkampoj tuŝas miajn sentumojn, ĝi estas nur potenciala danĝero. Ekz. Se la ĉefo koleras je mi, mi estas atakita, la forto estis rekte direktita al mi kaj mi estas endanĝerigita. Se la ĉefo koleras je mia kolego, la forto ne estas direktita al mi, sed ĝi montras al mi kia danĝera forto ĝi estas, kaj kiajn konsekvencojn mi havos, se ĝi direktiĝus al mi. Ĝi estas potenciala forto.

Kiam mi estas soifa, malsata, bezonanta urini ktp, temas pri miaj bezonoj (la fortoj kiuj eliras el mi kaj estas direktitaj al mi) kiuj estas danĝeraj kaj mi devas reagi. Kiam mi volas regi aliajn, ekz. se mi alkrias kaj minacas mian infanon, mi estas forto direktita al aliaj, danĝero por aliaj.

La tria demando rilatas al tio, ĉu la forto (ekstera aŭ interna, potenciala aŭ rekta) influas min kiel individuon aŭ min kiel kolektivan estaĵon. Ĉio ekzistanta, do ankaŭ homo, havas du funkciojn: funkcio de defendanto de la propra organismo kaj funkcio de defendanto de superaj sistemoj al kiuj la propra organismo apartenas. Atomo estas sistemo per si mem, kiu ekzistas en ekvilibro inter fortoj, kiuj kuntenas la kernon kaj la elektronojn en stabileco, sed tiu atomo havas la karakterizojn, ke ĝi facile liĝigas al molekuloj, al pli supera organismo.

Same homo en sia genetika sistemo estas antaŭvidita por unuflanke fari ĉion necesan por funkcii stabile kiel organismo, aliflanke li ligiĝas al socioj kaj estas preta agi por defendi la sociojn en kiuj li estas membro. Tie estas grave kompreni, ke unuopulo neniam estas membro de nur unu socio. Li ĉiam apartenas al pluraj samtempe. Plureco rilatas parte al A) superordo (malpli granda cirklo en la pli granda kaj tiel plu), plej eta grupo estas du personoj, ekz. la patrino kun la infano, dua cirklo estas la familio, la tria la plej proksimaj najbaroj, la kvara la vilaĝo, la kvina, la regiono, la sesa la nacio ktp. En kazo de atomo, temus, ke ĝi unue apartenas al sia molekulo, poste al sistemo kiun konsistigas la molekulo (ekzemple al iu molekula ĉeno, poste al pli supera sistemo, ekz. al iu ĉelo, poste al organo kiun tiuj ĉeloj konstituigas, poste al la besto kies parto estas tiu organo ktp, kaj B) al aliaj sistemoj kiam pluraj sistemoj interinfluas kaj io estas parto de pluraj. Ekz. krom en la diversaj grupoj laŭ teritoria logiko mi apartenas al grupoj laŭ filozofia logiko (al tiuj kiuj legis la samajn librojn kaj kredas je la samaj ideoj, do religiaj kaj filozofiaj grupoj) aŭ laŭ profesia logiko ktp.

*III. Konscio*

La demando de la kvina nivelo aperas nur en la konsciaj branĉoj kaj estas malsama por kampoj pri danĝero aŭ kampoj pri potenco: En kampoj de danĝero se temas pri ekstera forto, ĝi estas: ĈU LA FORTO ESTAS PLI GRANDA OL LA MIA

KONTRAŬFORTO? Kaj por kampoj de potenco: ĈU LA POTENCO SIMILAS LAŬCELE AL MIA POTENCO? Por kampoj de danĝero, se temas pri interna forto, ĝi estas: ĈU LA DANĜERO (BEZONO) estas pli granda ol neceso pri tuja kontentigo? Kaj por potenco: ĈU LA POTENCBEZONO MALSIMILAS AL ALIULA POTENCBEZONO?

Je la unuaj kvar niveloj okazas nur decidoj ene de intuicia aŭtomatismo kaj ne okazas kemiaj aŭ emociaj ŝanĝoj, kiujn ni sentus. Ekde la kvina nivelo en la konsciaj branĉoj aperas raciaj kaj emociaj procedoj kun fizikkemiaj procedoj en la organismo, kiujn ni klopodas klare difini laŭ la algoritmaj paŝoj laŭ kiuj ĉiu organismo agas.

Por povi havi pli facilan superrigardon, necesas akcepti mallongigojn por ĉiu el la niveloj. La unuan disdividon ni nomu EKSTERA FORTO, kies mallongigo estu E kaj INTERNA FORTO, kies mallongigo estu I. Je la dua nivelo ni havas disdividon je DANĜERO, kies mallongigo estu D, kaj POTENCO kun mallongigo P. Je la tria nivelo la disdivido okazas je tio ĉu la forto efikas je mi kiel unuopulo, sekve la mallongigo estu U kaj je mi kiel grupestaĵo, do la mallongigo estu G kaj fine en la kvara nivelo la disdivido okazas je konscia (K) kaj aŭtomata (A) agado. Se ni plu volas sekvi la branĉojn, ni elektos unu el la 16 eblaj: EDUK, kio signifas, ke ni elektis branĉon kun ekstera danĝero, direktita al unuopulo kaj troviĝanta malproksime (lasanta al ni tempon, pro kio ni agos konscie).

Kiel sekve funkcias la kibernetika socipsikologia sistemo en la branĉo **EDUK?**

I.a) INFORMKOLEKTADO KOMPARATA KUN DATUMOJ EL RAM-MEMORO:



I.b) REAGOJ EN BRANĈO **EDUK**:



**II. Branĉo EDUA** (Ekstera, Danĝero, Unuopulo, Aŭtomata):




**III. a) BRANĈO EDGK** (Ekstera danĝero direktita al mia grupo, fora – kaŭzanta konscian reagon) Informprilaboro komparata kun RAM-memoro



III.b) **REAGOJ EDGK** (je Ekstera danĝero direktita al mia grupo, fora – kaŭzanta konscireagon)



**IV. BRANĈO EDGA** (Ekstera danĝero al mia grupo, proksima – provokanta aŭtomatan reagon)




La dua el la kvar ĉefbranĉoj estas subbranĉo rilatanta al ekzistanta ekstera forto, kiu ne direktiĝis rekte je mi, do efikas ie en mia ĉirkaŭaĵo kaj mi povas observi ties danĝerecon por aliaj. Ĝi ne estas danĝero por mi, ĉar ĝi ne efikas kontraŭ mi, sed ĝi estas potenciala forto, kiu povus efiki kontraŭ mi, se ial ĝi ŝanĝus la direkton. Temas pri branĉo de POTENCO (potenciala forto).

*Literaturo*

1. **Maltz, Maxwell**: Psycho-cybernetics, Prentice Hall inc. 1999
2. **Jaušovec, Norbert**: Kako uspešneje reševati probleme?, DZS, Ljubljana 1991
3. **Weltner, Klaus**: Der Schanonsche Ratetest in der Praxis der programierten Instruktion, Kybernetische Paedagogik 10, Kava-Pech Prag, 1997
4. **Tišljar, Zlatko**: Fundamento de gramatiko de Esperanto kiel modelo de universala gramatiko per analogie kompara metodo, Lingvistika simpozio Kumrovec, Inter-kulturo, Zagreb 1976

Ricevite 2006-10-28

*Adreso de la aŭtoro*: Zlatko Tišljar, Besednjakova 1, SI-2000 Maribor, Slovenio
zlatko.tisljar@azm-lu.si

## *Richtlinien für die Kompuskriptabfassung*

Außer deutschsprachigen Texten erscheinen ab 2001 auch Artikel in allen vier anderen Arbeitssprachen der Internationalen Akademie der Wissenschaften (AIS) San Marino, also in Internacia Lingvo (ILo), Englisch, Französisch und Italienisch. Bevorzugt werden zweisprachige Beiträge – in ILo und einer der genannten Nationalsprachen - von maximal 14 Druckseiten (ca. 42.000 Anschlägen) Länge. Einsprachige Artikel erscheinen in Deutsch, ILo oder Englisch bis zu einem Umfang von 10 Druckseiten (ca. 30.000 Anschlägen). In Ausnahmefällen können bei Bezahlung einer Mehrseitengebühr auch längere (einsprachige oder zweisprachige) Texte veröffentlicht werden.

Das verwendete Schrifttum ist, nach Autorennamen alphabetisch geordnet, in einem Schrifttumsverzeichnis am Schluss des Beitrags zusammenzustellen – verschiedene Werke desselben Autors chronologisch geordnet, bei Arbeiten aus demselben Jahr nach Zufügung von „a", „b", usf. Die Vornamen der Autoren sind mindestens abgekürzt zu nennen. Bei selbständigen Veröffentlichungen sind anschließend nacheinander Titel (evt. mit zugefügter Übersetzung, falls er nicht in einer der Sprachen dieser Zeitschrift steht), Erscheinungsort und Erscheinungsjahr, womöglich auch Verlag, anzugeben. Zeitschriftenartikel werden - nach dem Titel - vermerkt durch Name der Zeitschrift, Band, Seiten und Jahr. – Im Text selbst soll grundsätzlich durch Nennung des Autorennamens und des Erscheinungsjahrs (evt. mit dem, Zusatz „a" etc.) zitiert werden. – **Bevorzugt werden Beiträge, die auf früher in dieser Zeitschrift erschienene Beiträge anderer Autoren Bezug nehmen.**

Graphiken (die möglichst als Druckvorlagen beizufügen sind) und auch Tabellen sind als „Bild 1" usf. zu nummerieren und nur so im Text zu erwähnen. Formeln sind zu nummerieren.

Den Schluss des Beitrags bilden die Anschrift des Verfassers und ein Knapptext (500 – 1.500 Anschläge einschließlich Titelübersetzung). Dieser ist in mindestens einer der Sprachen Deutsch, Englisch und ILo, die nicht für den Haupttext verwendet wurde, abzufassen.

Die Beiträge werden in unmittelbar rezensierbarer Form sowie auf Diskette erbeten. Artikel, die erst nach erheblicher formaler, sprachlicher oder inhaltlicher Überarbeitung veröffentlichungsreif wären, werden in der Regel ohne Auflistung aller Mängel zurückgewiesen.

## *Direktivoj por la pretigo de kompuskriptoj*

Krom germanlingvaj tekstoj aperos ekde 2001 ankaŭ arikoloj en ĉiuj kvar aliaj laborlingvoj de la Akademio Internacia de la Sciencoj (AIS) San Marino, do en Internacia Lingvo (ILo), la Angla, la Franca kaj la Itala. Estas preferataj dulingvaj kontribuaĵoj – en ILo kaj en unu el la menciitaj naciaj lingvoj – maksimume 14 prespaĝojn (ĉ. 42.000 tajpsignojn) longaj. Unulingvaj artikoloj aperadas en la Germana, en ILo aŭen la Angla en amplekso ĝis 10 prespaĝoj (ĉ. 30.000 tajpsignoj). En esceptaj kazoj eblas publikigi ankaŭ pli longajn tekstojn (unulingvajn aŭ dulingvajn) post pago de ekscespaĝa kotizo.

La uzita literaturo estu surlistigita je la fino de la teksto laŭ aŭtornomoj ordigita alfabete; plurajn publikaĵojn de la sama aŭtoro bv. surlistigi en kronologia ordo; en kazo de samjareco aldonu „a", „b", ktp. La nompartoj ne ĉefaj estu almenaŭ mallongigite aldonitaj. De monografioj estu – poste – indikitaj laŭvice la titolo (evt. kun traduko, se ĝi ne estas en unu el la lingvoj de ĉi tiu revuo) , la loko kaj la jaro de la apero kaj laŭeble la eldonejo. Artikoloj en revuoj ktp. estu registritaj post la titolo per la nomo de la revuo, volumo, paĝoj kaj jaro. - En la teksto mem bv. citi pere de la aŭtornomo kaj la aperjaro (evt. aldoninte „a" ktp.). - **Preferataj estas kontribuaĵoj, kiuj referencas al kontribuaĵoj de aliaj aŭtoroj aperintaj pli frue en ĉi tiu revuo.**

Grafikaĵojn (kiuj estas havigendaj laŭeble kiel presoriginaloj) kaj ankaŭ tabelojn bv. numeri per „bildo 1" ktp. kaj mencii en la teksto nur tiel. Formuloj estas numerendaj.

La finon de la kontribuaĵo konstituas la adreso de la aŭtoro kaj resumo (500 – 1.5000 tajpsignoj inkluzive tradukon de la titolo). Ĉi tiu estas vortigenda en minimume unu el la lingvoj Germana, Angla kaj ILo, kiu ne estas uzata por la ĉefteksto.

La kontribuaĵoj estas petataj en senpere recenzebla formo kaj krome sur diskedo. Se artikolo estus publicinda maljam post ampleksa prilaborado formala, lingva aŭ enhava, ĝi estos normale rifuzata sen surlistigo de ĉiuj mankoj.

## *Regulations concerning the preparation of compuscripts*

In addition to texts in German will appear from 2001 onwards also articles in each four other working languages of the International Academy of Sciences (AIS) San Marino, namely in Internacia Lingvo (ILo), English, French and Italian. Articles in two languages – in ILo and one of the mentioned national languages – with a length of not more than 14 printed pages (about 42.000 type-strokes) will be preferred Monolingual articles appear in German, ILo or English with not more than 10 printed pages (about 30.000 type-strokes). Exceptionally also longer texts (in one or two languages) will be published, if a page charge has been paid.

Literature quoted should be listed at the end of the article in alphabetical order of authors' names. Various works by the same author should appear in chronological order of publication. Several items appearing in the same year should be differentiated by the addition of the letters "a", "b", etc. Given names of authors (abbreviated if necessary) should be indicated. Monographs should be named along with place and year of publication and publisher, if known. If articles appearing in journals are quoted, the name, volume, year and page-number should be indicated. Titles in languages other than those of this journal should be accompanied by a translation into one of these if possible. – Quotations within articles must name the author and the year of publication (with an additional letter of the alphabet if necessary). – **Preferred will be texts, which refer to articles of other authors earlier published in this journal.**

Graphics (fit for printing) and also tables should be numbered "figure 1", "figure 2", etc. and should be referred to as such in the text. Mathematical formulae should be numbered.

The end of the text should form the author's address and a resumee (500 – 1.5000 type-strokes including translation of the title) in at least one of the languages German, ILo and English, which is not used for the main text.

The articles are requested in a form which can immediately be submitted for review, and in digital form, too. If an article would be ready for publication only after much revising work of form, language or content, it will be in normal case refused without listing of all deficiencies.